„Mutig vorwärts!" **Aŭstria Esperantisto** „Kuraĝe antaŭen!"

# Aŭstria Esperantisto
## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

**6a jaro. N-o. 12** **Monata** **Decembro 1929**

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. Ŝ 4.80, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25, ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Aus aller Welt.

Begrüßungsworte des Präsidenten des „Deutschen Esperantobundes-Berlin" **Postrat Behrendt** zur Eröffnung des „Intern. Esperanto-Museums in Wien" am 1. August d. J.:

„Ein geschichtlicher Augenblick, tief im Herzen gefühlt, eingegraben ins Gedächtnis. Der D. E. B. faßt seinen Gruß, seinen Dank und seine aufrichtigen guten Wünsche in die Worte zusammen: Segne Dich Gott, Bruderland Oesterreich! (Benu vin Dio, frartlando Aŭstrio)«.

**Die erste Zeitung in Esperanto** erschien am 1. Sept. 1889 in Nürnberg unter dem Namen „La Esperantisto". Mitarbeiter war der Erdenker des Esperanto, Fr. L. L. Zamenhof; Herausgeber Chr. Schmidt, Präsident des Weltsprachenklubs (Klubo Mondlingva).

**Esperanto in der Praxis.** Das bekannte Bankhaus Gebr. Arnhold, Dresden und Berlin, gibt allmonatlich einen Bericht über den Stand der Tabak- und Zigarettenindustrie in Dresden heraus. Der Bericht erscheint jetzt neben den Nationalsprachen auch in Esperanto. Das Bankhaus verwendet seit 20 Jahren Esperanto im internationaleu Verkehr und hat Esp.-Wortlaut auf den hiezu verwendeten Formularen. (Germ. Esp.)

**Kammer für Arbeiter und Angestellte Steiermarks** in Graz hat unter ihren Fremdsprachkursen auch solche für Esperanto für 1929/30aufgenommen.

**Allgemeiner kaufmännischer Verkehrsdienst,** Wien, I., Herreng. 2, wurde als wirtschaftliche Arbeitsstelle ins Leben gerufen; erteilt auch vermittels Esperanto Auskünfte aller Art, wenn sie den Verkehr mit dem Auslande betreffen, und vermittelt Geschäfte mit dem Auslande. Verlangen Sie Einzelheiten direkt! — Solche Einrichtungen gibt es bereits in Antwerpen, Dresden, London, Paris, Praha, Utrecht u. a.

**Esperanto und Handelsschule.** Dipl. Handelslehrer Dr. W. Steinhöfel (Frankfurt a. M.) veröffentlicht in „Die Privathandesschule" einen Bericht über den Reklamekongreß in Frankfurt a. M.: Was mir an der Tagung das wichtigste erscheint, ist der große Erfolg, den der Gedanke des Esperanto bnchen konnte. Alle Vorträge wurden nur in Esp. übersetzt; es fielen damit die bei intern. Tagungen sonst benötigten, langwierigen und schwierigen Übersetzungen fort. Lediglich diese eine Übertragung erfolgte stets fließend durch den Generalsekretär Kreuz (Genf) . . . Wie segensreich sich diese Welthilfssprache auf internationalen Tagungen auswirkt, hat diese Konferenz bewiesen; und darin liegt vielleicht ihr Haupterfolg." (Germana Esperantisto.)

---

Esperanto-Societo »DANUBIO«, Wien, VII., Neubaugasse 25 (Kafejo Elsahof) aranĝos la 16. decembro, 19.30 h okaze de la 70-a naskiĝtago de nia kara Majstro

**Zamenhof-Festvesperon,**

al kiu estas kore invitataj ĉiuj unuiĝoj kaj samideanoj.

La Zamenhofa tago estu samtempe la okazo por dokumenti la reunuiĝintan kaj pacan kunlaboron de ĉiuj aŭstriaj esperantistoj!

# ORIGINALA VERKARO DE L. L. ZAMENHOF.

Antaŭparoloj — gazetartikoloj — traktaoj. — paroladoj — leteroj — poemoj kolektitaj kaj ordigitaj d. D-ro Joh. Dietterle, Leipzig 1929: Ferdinand Hirt u. Sohn (605 S.) 4°, In. M. 15.—.

Ĉie, kie vivas esperantistoj, oni festas dum ĉi tiuj tagoj la 70-an datrevenon de tiu 15-a de decembro, je kiu naskiĝis en Bjelostoko en la jaro 1859 Lazaro Ludoviko Zamenhof.

Kara nomo de elglitinta ombro, sankta al ni ĉiuj, al kiuj li instruis la lingvon de tuthomara solidareco!

En ĉiu religia, kultura, politika anaro, kia ajn, oni solene festas kelkajn nomojn, en kiuj estas entenata kvazaŭ la tuta programo de la movado, nomojn aŭ de fondinto, aŭ iniciatoro aŭ propagandisto aŭ pioniro, ĉiukaze nomojn de herooj. Ĉi tiu kulto do ŝajnas memkomprenebla.

Tamen ni esperantistoj, se ni ne volas fali en senfruktan idolservadon kaj sekve sensencan kutimon, ni devas serĉi la sencon de ĉi tiuj festoj, por ke ni povu, konsciante la celon de niaj entreprenoj, ilin digne observi. Tiom pli ni serĉu tiun sencon, ĉar ĵus la 70-a datreveno donas al ni la solenan okazon kaj la seriozon devon, severe sondi la staton de la movado, severe demandi nin mem, ĉu ni bone plenumis ĉiujn niajn devojn, fidelaj al la spirito de Zamenhof.

Kaj vere ni devas konfesi, ke lia nomo ne nur estas la plej alta kulminacio de l' solidareco inter la tuta esperantistaro, sed ankaŭ en niaj tagoj la sola simbolo. Ofte okazas en mondkonkeremaj grandaj movadoj, ke ili sin dispartigas, ke la partioj ne plu komprenas unuj la aliajn, ke ili ne volas sin kompreni, ke ili eĉ estas fieraj je tio. Kiun gradon atingis ĉi tiu naturnecesa evoluo en la esperantomovado ni ne volas ĉi tie esplori. Estas malfacile klarigebla demando. Sed tio unu estas klara kaj evidenta, ke ĉiu esperantisto aŭ rekonos la verkon de Zamenhof, aŭ ĉesas esti esperantisto.

Ĵus aperis »Originala Verkaro«, plej digna donaco por nia festo, meritplena, admirinda, grandega verkista kaj eldonista faro. La ampleksa laboro entenas sur pli ol 600 paĝoj ĉiujn originalaĵojn, krom la tradukoj kaj krom tio, kio rilatas Esperanton nur koncerne gramatikon kaj vortaron. La enhavo de la verko do konzistas el I. »Antaŭparoloj« el lernolibroj kaj aliaj verkoj, ili rilatas la programon, la ĝeneralajn principojn, — II. »Gazetartikoloj«, kiujn Z. skribis kaj kiel aŭtoro de Esperanto kaj kiel redaktoro de la unua esperantista gazeto. Ili rilatas organizadon, movadon, propagandon, historion, literaturon, — III. »Traktaĵoj« pri specialaj tempoj, ne rilatante rekte E.-on, — IV. »Paroladoj«, ĉiuj kompletaj, — V. »Leteroj« (presitaj kaj ankoraŭ ne presitaj), — VI. »Poemoj«. Aldonata estas portreto kaj 6 tre interesaj faksimiloj, inter ili la unuaj du paĝoj de »La Esperantisto« en originala formato.

D-ro Joh. Dietterle, kiu kolektis kaj ordigis la materialon (eminenta scienca laboro!), citante ĝin laŭ la radikaro de Wüster, deklaras en sia antaŭparolo:

»»Se oni volas sufiĉe koni la kreinton de nia lingvo, liajn principojn, lian sentadon, lian celon, lian laboron kaj la historion de la tuta Esperanto-movado, oni nepre devas studadi la originalan verkaron de Zamenhof kaj ne nur liajn tradukojn. En la tradukoj li ja donas sian lingvon, sed cetere nur la pensojn de

aliaj. En sia originala verkaro li donas siajn proprajn pensojn. Ĝi enhavas la tutan programon de lia vivo, ĝi montras lian grandan animon, lian idealismon, lian grandan laboremon kaj samtempe lian akuratecon, lian precizecon, lian konfidindecon ankaŭ en la plej bagatelaj aferoj, lian internan evoluadon de post la apero de lia unua broŝuro ĝis la fino de lia vivo. Ĝi montras la movadon en la unuaj jaroj, la unuajn eksperimentojn organizajn, la malfacilaĵojn — la multegajn! — kiujn Zamenhof devas venki, la malfacilaĵojn tre ofte kaŭzitajn pli de la anoj de lia ideo ol de la malamikoj. Ĝi montras, kiel prave oni povas diri pri nia Esperanto-ideo: »Ĉiu nova ideo estas malhelpata per du kategorioj de kontraŭuloj, per tiu de la malbonintencaj malamikoj kaj per tiu de la nesaĝaj amikoj«. Multon oni povos lerni el la materialo de ĉi tiu libro kiel propogandisto kaj organizanto. Mi deziras, doni per mia kolekto al la esperantistaro libron necesan kaj praktikan, helpon por la studado de nia historio, interesan dokumentaron por la seriozuloj en niaj rondoj, materialon taŭgan por science studantoj kaj verkantoj, cetere stilajn modelojn de la plej kompetenta esperantisto.««

Kaj vere, ĉiu, por kiu E. estas pli ol iu ludo inter aliaj ludoj, per kiuj li preterpasigas en sia anguleto sian enuon, ĉiu, por kiu esperanto kontraŭe estas granda afero, al kiu li volas donaci sian »sanktan amon«, ĉiu, kiu volas en sia »laboro paca ne laciĝi, ĝis la bela sonĝo de l'homaro por eterna bono efektiviĝos«: do ĉiu vera esperantisto (tio samtempe signifas idealisto), estu konvinkita, ke li plej digne festos la 70-an naskiĝtagon, se li aĉetos la belegan verkon, kaj li estu certa, ke la monofero trovos multoblan riĉan rekompenson.

Nikolao Hovorka.

---

## Zamenhof-festoj per Radio.

**Berlin** (ondl. 418 m): Adr.: Funkstunde G. G., Potsdamer Str. 4, Berlin W. 9, la 14.12. je 15·45 h (Behrendt).

**Lyon-la-Doua** (466 m): 14.12. je 19·30 h.

**Hilversum** (1071 m): 14.12. je 20·40 h.

**Odessa** (411m): 15.12. je 19·50—20·10 h. (parolado), 20·10—21 h (E.-koncerto).

**Bruxelles** (508 m): 17.12. je 19·30 h.

**Langenberg**: 15.12. je 11 h atgm.

**Auskultu kaj per poŝtkarto danku al la Radiostacioj!**

Legu belegan artikolon kun bildoj en Radio-Wien (gazeto).

---

**Novaj libroj recenzotaj:**

Bibliografio de Lingvo internacia
En Okcidento nenio nova
Hirundlibro de Toller
Jung u. Wingen: Das lechte Esperanto
La du amatinoj (A. de Musset).
Ĉiuj libroj estas haveblaj pere de AE.

---



## La nov-organizo de la E.-movado.

„Komisiono por Unuecigo de la E.-movado" ellaboris okaze de 21-a Universala Kongreso en Budapest tre interesan raporton, kies ĉefaĵojn ni deziras konigi al niaj legantoj:

**Ĉu nov-organizo estas necesa?** Jam antaŭ malmultaj jaroj larĝvidaj s-anoj ekkonis, ke la nuntempa organizo de nia internacia movado ne plu sufiĉas rilate la pretendojn postulatajn. La problemo de nov-organizo estas diskutata de la diversaj landaj asocioj kaj grupoj. Maleble estas efektivigi nov-organizon kontraŭ la volo de tiuj, kiuj eniĝu en tian organizon, maleble ankaŭ subpremi la postulon pri efektivigo de nov-organizo, kiu estas de la plimulto sentata necesa. Jen la fundamenta plano: Ĉi tiu ideala organizo ampleksos 3 grandajn partojn: La **izolan esp.-iston** resp. la lokan kuniĝon de la

izoluloj — la **grupojn**. Super la grupoj estos la **nacia** resp. **lingvoteritoria organizo**, kiu unuigu en si ĉiujn grupojn de la koncerna politika nacio kaj kiel ŝirmanta tegmento de ambaŭ.

Centra Direkcio
de Universala Esperanto-Movado.

**Kiujn taskojn havas la 3 organiz-elementoj?** Tiu de la **izoluloj** kaj **grupoj** restos la sama kiel depost 40 jaroj: diskonigi nian aferon, varbi amikojn por nia lingvo, havigi la mon-rimedojn necesaj por antaŭenpuŝi nian movadon. Sed ŝanĝata estu, ke venon-tatempe neniu agu laŭ propra bontrovo kaj personaj ideoj, ke kontraŭe la grupoj estu la **plenumantaj organoj** por la militira plano ellaborita de Centra Direkcio. En nia militiro la izola esp.-isto estas la soldato, la grupoj estas la batalionoj, kiuj nur per sia kuniĝo atingas la necesan puŝoforton. Samkiel estus erare en milito, se ĉiu bataliono propradecide farus sian batalon, tiel ankaŭ ĉe ni la nuntempa stato estas absolute maltrafa, ke ĉiu grupo estas sendependa kaj malŝparas sen unueca plano laborforton kaj monon.

La **nacia** aŭ **lingvoteritoria organizo** estas necesa ligilo inter la multeco de la grupoj kaj Centra Direkcio. Ni povas vidi el la ekzemplo de grandaj internaciaj industri-kompanioj, ke por superrigardo estas necese havi tian interperejon. Por ni tiu interperejo estas pli grava ol ĉe la industri-entre-prenoj, ĉar ni devas atenti ankoraŭ multe pli ol ili pri cirkonstancoj en la diversaj landoj kaj lingvoteritorioj kaj ĉar estus neeblaĵo regi la tutan mondon el unu centro kaj laŭ ŝablona skemo.

Dum la laboro en la grupo estas absolute libervola kaj senpaga, la afero estas alia en nacia societo. En ĝi laŭcela kaj sukceshavonta laboro neces-igas la kunagadon de spertaj, organize rutinitaj kapoj, kiuj ne nur de tempo al tempo disponigas sian laborforton, sed kiuj kontraŭe en tiu ĉi laboro vidas sian profesion kaj dediĉas al sia ofico sian plenan laborpovon. Bonaj fortoj tamen devas esti bone pagataj, alie ili ne estas haveblaj. La estraro de la koncerna landa organizo povas labori honorofice, ĉar ĝia laboro estas pli tiu de kontrolo kaj konsilo. En la sekretariejo de tiuj societoj tamen devas sidi taŭgaj laboruloj, de kiuj oni povas kaj devas postuli intensan kaj celkon-scian laboron. Principe la naciaj organiz-oj tamen estas ankoraŭ nur plenum-antaj organoj de **Centra Direkcio**, kiu fiksas la gvidprincipojn de la poli-tiko en Esperanto. La naciaj societoj estas la landa centro, en kiu kolektiĝas ĉio, kio rezultas en agadkampo, kiuj kolektas la materialon, disigas la gravan de la malgrava, transdonas la unuan al Centra Direkcio por ricevi de tie siaparte denove siajn ordonojn. Ke en tio tiel la izola esp.-isto, je kiu ajn posteno li troviĝu, kiel la grupoj havas plej larĝan eblecon, fari ĉiuspecajn proponojn al Centra Direkcio pere de la landa organizo estu citate nur en parentezo. Spite de ĉiu severeco de la organizo la plenumado de la laboro laŭ absoluta demokrateco estu baza kondiĉo. Ĉiu opa persono povu dispon-igi siajn spiritajn kapablojn por la servo al la afero kaj havu eblecon, transigi siajn ideojn al tiuj instancoj, kiuj portos la respondecon pri la tuto samkiel por tio, ĉu la proponoj de izolaj esp.-istoj estas efektivigataj aŭ malakceptataj.

Pri la konsisto de Centra Direkcio povas esti malsamaj vidpunktoj. Ĉefa-fero estas, ke ĝi funkciu bone. La suk-ceso dependos de la personoj, kiuj estos vokataj por funkciigi Centran Direkcion.

**Proponoj por Centra Direkcio:**

1. La gvidado de la tutmonda E.-movado troviĝas en la mano de **Direk-torio**, al kiu la naciaj organizoj (en

tio estas ankaŭ komprenataj la labor-istaj, katolikaj k. c. organizaĵoj) kaj faksocietoj (laŭ ilia jama graveco) povas nomi reprezentantojn. Oni devas trovi indekson, kiu fiksas la nombron de la elektotoj por ĉiu lando. Direktorio povos ampleksi 100—500 personojn laŭ siatempa statistika materialo.

2. Direktorio elektas el siaj vicoj afergvidantan Centran Direkcion, kiu nombru ne pli ol dek personojn. Ĝiaj membroj povas kunveni almenaŭ kvar-foje jare. Ĉiukaze tiuj ĉi membroj devas disponi pri oficejo (helpantaro), por ke ekzistu garantio pri kiel plej eble rapida respondo al korespondaĵoj· ankaŭ se ili amasiĝas.

3. Afergvidanta Centra Direkcio dungas por Centra Oficejo la necesajn gvidantajn **oficistojn:** la direktorojn. Povas temi nur pri unuaklasaj per-sonoj elstare kapablaj rilate organiz-povon. Ne estas necese, ke tiuj s-roj estu esp.-istoj, estas nur necese, ke ili estas decidintaj fariĝi tiaj kiel eble plej rapide. Ni nek povas nek rajtas dependigi la sukceson de nia laboro, ĉu ni trovos kompetentulon esp.-istan, kiu taŭgas por tio ĉiurilate. Pri la nombro de la direktoroj nuntempe nenio estas direbla. Unue ni bezonos unu, post pligrandiĝo de la aferoj pliajn laŭ la cirkonstancoj. Krom tio estas bezonata suba personaro, prokuristoj kaj oficistoj, kiuj same estas dungataj laŭ bezono de la aferoj. Ĉefafero estu ilia taŭgeco, ne ĉu ili estas esp.-istoj.

4. Por la centra gvidado internacia estas proponata la nomo Universala Esperanto-Asocio. Ĉi tiu nomo ne nur interpretas bone la taskojn de Centra Direkcio, per ĝi oni transprenas sam-tempe grandajn valorojn, parte histo-rie fiksitajn, parte laŭ certa direkto ankaŭ organizajn. Skizi la laborkampon de ĉi tiu UEA en mallonga raporto estas neebla, ĝi ampleksas ĉion, kio rilatas ĝenerale al la mondhelplingvo kaj speciale al la E.-movado. La or-ganizo koncentru ĉiujn tiujn taskojn kaj per koncentrigo konduku la E.-aferon al fina sukceso, sed ĝi ankaŭ ampleksos ekonomiajn interesojn, tiel ke post atingo de la celo, ĝenerala enkonduko de E. en la tuta mondo, ĉesigo de la organizo ne estas antaŭ-vidita. Tiam ĝi estos post forigo de la ne plu bezonataj sekcioj granda internacia komerca entrepreno, kies plej grava intenco estas, dediĉi sian tutan financan kaj spiritan forton al la bono de la homaro.

Ĉefsekcioj de UEA.

1. Financa Sekcio,
2. Propaganda Sekcio:
   a) kontakto kun la naciaj societoj,
   b) proponoj por granda propagando laŭ plej zorgema elekto de la frontoj atakotaj,
3. Sekcio por Faksocietoj,
4. Komerca Sekcio, gazeto, eldona fako, inform-servo ktp.,
5. Lingvo-scienca Sekcio.

Pri la **financa flanko** ekzistas du vojoj. La plej feliĉa: ke nobla hom-amiko disponigu al ni konforman eks-pluotan kapitalon, per kiu ni povos tuj ekkomenci laŭcelan surkonstruon. La pli longa kaj pena vojo estas, ke ni el niaj propraj vicoj havigos la mon-rimedojn kaj tiam ni devas iri tiun vojon kun plena decidemo, neniel timigante de la sendube ekzistantaj grandaj malfacilaĵoj. En nia nuna situacio temas pri vivo aŭ morto de nia movado. Kiel marŝis la afero en la lastaj jaroj, ni proksimiĝas al la bankroto. Pro la stagnacio sur la or-ganiza kampo niaj amikoj laciĝos kaj ĉesigos sian laboron. La mondo konas Esperanton, ĝi scias, kion ni volas, ĝi grandparte rezignis pri sia malamika sintenado. Ĝi atendeme observas, ĉu ni estas kapablaj atingi nian grandan celon. Unu grandan celon propagandan ni jam atingis, konigi al la mondo nian

ideon. Nia proksima celo devas esti la konkero de la lernejo (laŭ plej larĝa senco de l'signifo) kaj de la instruistaro. Tiam la kompetentaj aŭtoritatoj havos la eblecon oficiale nin subteni. Tiuj novaj celoj por nia propagando necesigas novajn metodojn kaj vojojn kaj por ilia atingo koncentrigon de la tuta financa forto de ĉiuj oferemaj esp.-istoj kaj de ĉiuj, kiuj uzas E.-on. La unuj devas tion fari pagante al ni siajn kotizojn, la aliaj pagante al ni la servojn aŭ aliajn aferojn, kiujn ni povas fari sur komerca kampo. Ĉi tiu vojo pere de la esp.-istoj estas irebla. Tion pruvu kelkaj detaloj:

Kiom elspezas la izolulo pojare por kotizoj al grupo, nacia societo, UEA, faksocietoj, aĉeto de libroj kaj diversaj gazetoj? Ni taksu je minimume sv. fr. 4.— monate aŭ pojare sv. fr. 48.—. Laŭ la grava laboro farita de prof. d-ro Dietterle, direktoro de E.-Instituto por Germana Respubliko, la statistiko, fidinde estas konstatita la ekzisto de rondcifere 130.000 esp.-istoj en la mondo. Prenante de tiu ĉi cifero nur trionon (43.000) ni atingas po 48 sv. fr. la sumon la du milionoj (?) da sv. fr. Per tiu sumo ŝpareme laborante oni certe povas atingi ion! Kion ni nun povos oferti al la esp.-istoj? Ni imagu, ke ni povu liveri **internacian gazeton** kun eldoncifero de meze 45.000 ekzempleroj, kiu povus doni multoblon de tio, kion nun la plej bona organo povas ĝuigi, kaj esti farata je pli malalta kosto ol la nunaj organoj.

De internacie valoraj **libroj** la E-eldonistoj ĝis nun povis eldoni 2—5000 ekzemplerojn, kio ne ankoraŭ signifas ilian vendon. Estonte estos eble vendi librojn por la kvinono (? Red.) de l' ĝisnuna prezo kaj plue la movado eĉ povas gajni multe pli ol nuntempe ĉiuj E.-eldonistoj kune. Alivorte por 48 sv. fr. de ĉiujara elspezo la izola esp.-isto laŭvalore ricevos la multoblan kompare al la nuna situacio kaj por nia organizo restos ankoraŭ konsiderinda neta profito por propaganda celo.

Tre grava ĉapitro estas la naciaj societoj. Ĉiu el ili devas havi oficejon, kies oficistoj pagus plene Centra Direkcio. Ŝajnas esti trafe, ke taŭga propagando ĉe la malgrandaj nacioj, kie helplingvo estas bezono tute alimaniere konceptata ol ĉe la grandaj nacioj, havos grandan sukceson kaj ke estos certe, ke la enkonduko de E. en la lernejojn venos de la malgrandaj nacioj al la grandaj, kie la enkonduko okazos nur pere de Ligo de Nacioj. Sekve nia politiko pri la uzo de la enspezita mono devas reguliĝi laŭ la vidpunkto de plej certa sukceso.

Aparte malfacila ĉapitro estos la jam ekzistantaj organizacioj, unuavice la **nuna UEA.** Kiam siatempe estis fondata UEA, oni konsideris tion kiel grandan sukceson de nia afero, ĉar fakte dum sufiĉe longa tempo la esp.-ista vivo koncentriĝis ĉirkaŭ UEA. Al la ekzisto de UEA ni unuavice dankas, ke ni povis post la milito relative facile restarigi nian rilaton. Jam pro tio UEA akiris plej grandan meriton pri la E.-movado. Kaj tamen rerigardanta kritikanto devas diri, ke la fondo de UEA en ĝia formo estis eraro, kiun eventuale ni ĉiuj estus farintaj. Tamen ĝi estis eraro. Kion ni bezonis en 1908, tio estis centra kunigo de la tutmonda E.-movado kaj en ĉiuj varioj, en kiuj ĝi aperas. Anstataŭ tio oni fondis nur unuflankan, duone komerce, duone propagande organizitan per-uzan organizaĵon. Certe oni tre baldaŭ ekkonis, ke UEA ne estas la asocio, kiun ni bezonas por nia propagando, kaj, se la mondmilito ne estus okazinta, sendube la voko por nov-organizo estus okazinta jam pli frue. La malfacilaĵoj de la postmilita tempo kaj la inflacio en la diversaj landoj naturnecese repuŝis la propagandan

celon de UEA. La pure komerca celo pro nura vivneceso antaŭeniĝis. Ĝuste dum la lastaj jaroj aŭdiĝis de ĉiuj flankoj: Kontrakto de Helsinki kaj la fondo de ICK estas nur produkto de embaraso por iom kontentigi la urĝegajn postulojn. Ĉu la nov-organizo povos esti rapide efektivigata aŭ ĉu necesos fari longan batalon, tio tute dependos de la nuna estraro de UEA. Se ni povos fari nov-organizon brako en brako kun UEA, tiam ni kiel eble plej malmulte bezonas paroli publike pri nov-organizo, sed nur pri transformo de UEA kaj ICK. Tio estas despli facila, ĉar restos la nomo de UEA, kiu per novaj statutoj plilarĝigas la ĝis nun limigitan agadkampon. Tiam oni ankaŭ povos konsideri la nun ekzistantajn delegitojn, elektante ilin (se estas valoraj kunlaborantoj) senceremonie en Direktorion. Tiamaniere ni ankaŭ jam forigos dekomence certajn kontraŭstarojn ĝuste el tiuj rondoj, kiuj evidente povas pretendi certajn meritojn pri la laboro en pasinteco.

Post akcepto de ĉi tiuj principaj proponoj flanke de la gvidantaj esp.-istoj kaj de la nun ekzistantaj internaciaj organizaĵoj oni povus komenci la ellaboron de la statutoj. Post tiu laboro certe estos laŭcele kunvoki apartan **Esp.-Parlamenton**, en kiu estu reprezentataj ĉiuj laboristaj kaj aliaj organizaĵoj, kiuj havas iun signifon, ĉar sen la laboristoj oni ne povos paroli pri unueca organizo. Aliflanke ankaŭ devas esti atingate per la unueca organizoforigi ella mondo la ekzistantan skismon inter la laboristaj kaj la ceteraj organizacioj. Ĉiuj, kiuj nomiĝas esp.-istoj, devas esti konsciaj pri tio, ke ni havas nur unu solan celon, nome la ĝeneralan rekonon de E. per la registaroj de l'tuta mondo. Nur post atingo de ĉi tiu celo tiuj organizacioj, kiuj jam hodiaŭ konsideras E.-on nur celrimedo, povos havi faktan profiton per la E.-lingvo. Estas memkompreneble, ke en la unueca organizo ili devos posedi reprezentadon, konforman al ilia signifo.

Ĉiuj, por kiuj E. estas afero de l'koro, konatiĝu kun ĉi tiuj proponoj kaj agitu inter sia amikaro por la diversaj sugestoj. (Laŭ Heroldo.)

---

**Oficiala Bulteno de la Esperantista Akademio**, kajero I., junio 1929, prezo sv. fr. 1.—, eld. E.-Centra Librejo, Paris.

Tre interesa estas la raporto de l' prezidanto prof. Cart: »Oficiala Bulteno entenos nuntempe nur oficialajn dokumentojn kaj sciigojn, sed poste, se nia financa situacio tion permesos, ankaŭ artikolojn pri E., verkitajn laŭ metodo severe lingvistika. Kial ne simple uzi ekzistantajn gazetojn? Ĉar, kiam E. nun disvastiĝas kaj disvastiĝis en plej diversaj medioj, sendependa, nur prilingva oficiala organo estas absolute bezona. Pri la sendependeco, la aŭtonomo de la lingvaj institucioj ni ne deziras insisti (L. K. estis kreata en 1905 en Boulogne-sur-Mer kiel absolute sendependa organo, tiam sola oficiala); ĝi fariĝos ĉiam pli evidenta al ĉiuj senpartiaj spiritoj. Inter ofte kontraŭaj agadprogramoj de esperantanoj komuna estas ja nur la lingvo.«

Al la raporto de la direktoro de la sekcio »Komuna vortaro« prof. E. Grosjean-Maupin, kiu publikigas sur pli ol 4 paĝoj la »oficialan liston de la kvara aldono al U. V.« (kun franca, angla kaj germana traduko), diras Cart: »Kun kia zorgo, kia konscienco li verkis ĝin, kian laboron ĝi kostis al li, tion mi scias. Kontentigi ĉiujn, akordigi plej kontraŭdirajn opiniojn estas neeble. Facila estas la kritiko!« La itala, hispana, portugala tradukoj de la Aldono aperos en la plej proksima kajero. La rusa, blankrusa, ukraina, pola eldono de »Klasika Libro«, kun intermetitaj la vortoj de la Kvara Aldono, estos presata kaj eldonata en Rusujo post kelkaj monatoj.

Interesege estas la raporto de la direktoro de la sekcio »Gramatiko« d-ro Lippmann, kiu forte insistas pri la netuŝebleco de nia Fundamento. »Nia konservatismo«, diras Cart, »estas fakte la firma fundamento de homa, socia progreso. Konservativuloj sur la lingva kampo ni estas, ĝuste ĉar progresemaj homoj! Ne celo al si mem, nur ilo estas la lingvo de d-ro Zamenhof, kaj tiu ilo, tiu internacia ilo fariĝus ne utilebla, se per lokaj, subitaj, ofte kapricaj ŝanĝoj ĝi ne plu estus komuna komprenilo internacia.«

La sekcio »Premioj«, kiu konsistas el s-roj Cart (prez.), Behrendt, Butin, Stroele (membroj), R. de Lajarte (sekr.), proponis por rekompenco

la verkojn: Prozo ridetanta (R. Schwartz), La Tajdo (N. Hohlov), Pro Iŝtar (H. A. Luyken), La alta Kanto (Teo Jung) kiel originalaĵoj kaj Fabiola (Wisemann-Robert), Luno de Izrael (Haggard, Fayson-Butler) kiel tradukaĵoj. La eldonisto ne sendis »Pro Iŝtar«, kial oni ne povis voĉdoni pri tiu verko. La kvin aliaj ricevis akademian premion.

Jen la kompleta listo de la ĝis nun premiitaj verkoj:

1914: Ch. Wagner »Estu homo« (trad. S. Meyer)
H. Conscience »Rikke Tikke Tak« (trad. Posenaer)
Luyken »Mirinda Amo«
Balzac »La Vendetta« (trad. Merckens)
Rolandkanto (trad. d-ro Noel)
1915—1922: Ne funkciis la sekcio.
1923: Goethe »Hermann kaj Dorothea (Küster)
Bulthuis »Idoj de Orfeo«
1924: Baghy »Preter la vivo«
Petőfi »Johano la Brava« (trad. Kalocsay)
1925: Neniu propono.
1926: Propono »Kataluna Antologio« prokrastata, ĉar la Akademianoj ne estis ricevintaj ĝin.
1927: »Kataluno Antologio«
1928: Baghy »Dancu Marionetoj!«

Ĉiu legu kaj studu ĉi tiun 24 paĝan kajeron, neniu preterlasu tion! Precipe la ekzamenotoj ĉe la ŝtata ekzameno, kursgvidantoj, instruistoj!

## Intern. Esperanto-Muzeo, Wien

I., Augustinerstraße 7.

### Internacia Honora Komitato:

**Novaj Membroj:**

**Francujo:**

S-ro Profesoro Charles Richet, membro de Franca Instituto, Akademio de Sciencoj, Paris.

S-ro André Baudet, prezidanto de Komerca Ĉambro de Paris en Paris.

Ni gratulas elkore al la membroj de Intern. Kuratora Komitato de IEMW:

**S-ino Anna Tuschinski** en Danzig okaze de la 88. datreveno de ŝia naskiĝtago,

**S-ro prof. inĝ. Gustav Scholze** en Reichenberg okaze de lia edziĝo kun f-ino Louise Erben.

La **ekspozicio** en Prunksaal de Nationalbibliothek estis por ĉi tiu jaro fermata. La 5. dec. ĝin vizitis 8 anoj de Occidental kaj esprimis sian miron pri la bela ekspozicio.

**Heroldo de Esperanto publikigis en sia numero 48 ĉefartikolon sur la unua paĝo pri IEMW.**

**Materialo ricevita:**

Donaclistoj n-roj 194: J. Schwab, München, 195. Delfi Dalmau, Barcelona, 196. Kataluna E.-Federacio, Barcelona, 197. Bologna, 198. Tagblattbibliothek, Wien, 199. Fredo Karg, Neumark i. Sa., 200. H. Salokannel, Salminen, 201. Heroldo de Esperanto, Köln, 202. A. Taussig, Wien, 203. Sudslava E.-Servo, Zagreb, 204. E. Oficejo Hermoch, Kolin, 205. R. Peter, Bisamberg, 206. Miss Mann, London, 207. E.-Bibl. »Nova Kulturo«, Burgas, 208. Oskar Schramm, Selb i. Bayern, 209. Leon Kogen, Ninove (Belgien), 210. Eugen Wüster, Berlin,

Daurigota.

## Eĥoj al »Malfermo de IEMW«.

Territet, dec. 4. 1929

Tre estimata samideano.

Tutkore mi dankas kaj gratulas pro la belaj presaĵoj tiel bone respondantaj al mia deziro pri »Esperanto kaj Geografio«.

Samtempe mi gratulas vin pro la honoro, kiun vi ricevis de via registaro. Tio certe helpos vin de nun por ĉiuj oficialaj rilatoj favore al nia lingvo, por kiu vi daŭre laboradas tiel fervore. Gratule kaj dankeme via Edmond Privat.

»**Belga Esperantisto**« (n-ro 8) ». . . . Kaj tiam okazis en la mirinda kadro de tiu neforgesebla Pompa Salonego . . . . la solena malfermo de IEMW. Ĉiu ĉeestanto certe neniam forgesos tiun solenan kunsidon, kiu estis vere impresa . . . . La vienaj amikoj estu dankataj pro tiu bela festaro, kiu sendube havos grandan influon sur la estonta propagando por E. en la Viena metropolo. La tuta aranĝo tre certe estas persona sukceso de s-ro Steiner, kiu meritas la gratulon de la tuta esperantistaro«.

**S-an Iĉio Sun-Shanghaj**, redakt. de »Hina Telegrafisto« publikigis longan artikolon en ĥina lingvo kaj mem skribis: » . . . la malfermo de IEMW estas venko de E. Ĉiu por ĝi propagandu, tute volonte kaj senlace.«



**Repagu vian kotizon por UEA 1930.**

## Universala Komerca Trafikservo.

Aŭstria oficejo: Wien, I. Herreng. 2.

Kelkaj konataj s-anoj fondis ĉi tiun servon por servi senpage al ĉ uj ekonomiaj rondoj, personoj, societoj, entreprenoj, gildoj, oficejoj, nur postulante repagon de la propraj elspezoj. La oficejo donos informon, konsilon, kunlaboron, servon aŭ esploron, ĝi prilaboros la plej diversajn demandojn, direktotaj al ĝi pri iu lando, loko, objekto, produkto, aranĝo, okazintaĵo, rilato, kondiĉo, organizo, sed tute ne pri politiko aŭ religiaj aferoj, ĝi estas tute neŭtrala koncerne la E.-organizaĵojn, sed deziras bonajn interrilatojn kun ili.

UKT. donas al ĉiu agadeblecojn kaj aliĝo ankaŭ de neesp.-istoj estas akcelata.

Membroj-kunlaborantoj (korespondantoj, kunlaborantoj, akcelantoj) mem decidu, kiamaniere ili deziras kunlabori, ili pagos jarkotizon kaj ĝuos favor. ĵojn. Ili klopodu **ĉiuokaze** iniciati la uzadon de la alilandservo de UKT.

UKT. alvokas fidindajn persono n komercajn fakulojn ĉiulandajn al kreo de samcela laborejo, t. e. kapabl n asocion por la praktika aplikado de E. En ĉiu lando samcela asocio kolektu modeste sed persiste kaj sisteme pruvojn pri la uzebleco de E. — Post kolekto de kontentigaj spertoj oni kreu internacian fakunion, dume ĉiu asocio restu memstara kaj agu en sia teritorio laŭ la koncernaj bezonoj. Intertempe kaj supoze, ke oni konsentas, oni akceptu la inviton de UKT. esti ties helpema korespondanto. Per kunlaboro ĉiu helpos al UKT, kiu lastfine deziras **sole** servi al la progresigo de la E.-movado.

Ĉiujn informojn donos vol'onte UKT (respondafranko petata).

---

**Plena vortaro de Esperanto** aperos baldaŭ el la eldonejo de Sennacieca Asocio Tutmonda. Erare ni siatempe skribis ke s-ro prof. E. Grosjean-Maupin estas ĉefverkanto, ĝuste estas kvar kunaŭtoroj, inter kiuj nia konata s-ano S. Grenkamp-Kornfeld.

---

### Sur la strato.

Pro kio vi ploras?

Patrino donis al mi mian naskiĝateston, por ke mi ĝin alportu al la lernejo, kaj mi perdis ĝin.

Nu, kaj kio?

Nun mi devas denove naskiĝi . . .

(Lau «Suda Kruco»).

---

Ĉu vi jam sciigis al ni viajn dezirojn koncerne la adresaron? Bonvolu tralegi la koncernan noton sur paĝo 111.

## Filologa ŝerco. (Laŭ »Volkszeitung«).

Okaze de kongreso de filologoj en Wien ĉe gastotablo oni parolis pri »Grasel-dancoj«. (Grasel estis famaĉa rabisto, speco de Rinaldo Rinaldini el Malsupra-Aŭstrio, ĉirkaŭ kies persono formiĝis multaj romantikaj mitoj. Li estis ekzekutata en 1818.) Unu modela strofo de tiuj »Grasel-dancoj« tekstis en la originalo jene:

Der junge Grasel und sein Vater,
die gengan miteinand in Prater,
und der Bua hat's net g'wißt,
daß sein Vater a Rauber ist.

Tion filologo tradukis francen:

Grasel fils et son père
se promenaient au Pratère,
et le fils ignorait
de son père le métier.

Alia angligis tiun strofon:

Mas'er Grasel and his father
once were walking in the Prater,
and not sure was the boy
of his father's true employ.

Tria tradukis ĝin italen:

Grasel figlio e padre
son' andate insiem' nel Pradre,
e il figlio ignorante
che il padre è brigante.

Se iu filologo-esperantisto estus ĉeestinta, eble li estus aldoninta jenan E.-tradukon:

La juna Grasel kun la patro
promenadas al la Pratro,
kaj nenion sciis li
pri de l' patro rabmeti'.

Dr. H. E.

### Gravaĵoj.

**Ĉeĥoslovaka Registaro** dissendis per siaj konsuloj en eksterlando interesan **11 paĝan** informaron en Esperanto pri la Lerneja Sistemo de Ĉeĥoslovaka Respubliko. La Registaro per tio montris sian plenan konvinkiĝon pri la utileco de E.

Laŭ peto de ALLE la estraro de la **Metiaj Perfektiga Lernejo** en Wien envicigis Esperanton en sian instruplanon. **Nuntempe** 2 kursoj. (Laŭ Socialisto.)

**600 fervojistoj** uzas la skriban E.-kurson de la centrejo de Eisenbahner-Schutzbund (ETO) en Wien. (Laŭ Socialisto.)

**Plenkunveno de ALLE** okazos 1930 en **Graz.**

**Kataluna Esperantisto,** monata organo de Katalun-Baleara Esperantista Federacio, Duran i Bas, 8. prol., Barcelona, post longa tempo de neapero denove ek. peris. Direktoro estas nia fervora samideano J. Anglada.

Faldprospekto de **Intern. Ekspozicio de Higieno Dresden 1930** aperis en E., senpage havebla de la oficejo de la ekspozicio Dresden-A., Lennestr. 3.

## Aŭstria Esperanto-Asocio
I. Augustinerstraße 7

Libera rondo de samideanoj en Wien kunvenis la 26. sept. por priparoli la eblecon de reunigo de ambaŭ aŭstriaj landaj organizoj AEA kaj AED. Post priparolo de diversaj vidpunktoj estis interkonsentite, peti la estraron de »E.-Organizo de Oficĥavantoj en Wien« preni sur sin la rolon de peranto. Post akcepto de ĉi tiu tasko »Organizo« invitis AEA kaj AED sendi po du delegitoj al komuna pritrakto de kondiĉoj de reunuigeblo. Provizore ni povas nur raporti, ke la laboroj de la »reunuiga komitato« bone progresas kaj ni ĉiuj povas esperi baldaŭ kontentigan definitivan sukceson.

Detalaj raportoj sekvos en la januara numero.

---

### Nia IX-a Aŭstria en Linz.
30. — 31. julio 1930.

La protekton akceptis landestro de Oberösterreich **d-ro Schlegel** kaj urbestro de Linz **s-ro Euler.**

Oberösterr.-Tageszeitung kaj Linzer Tagespost favore raportis.

---

### Samideanoj en Wien!

Bonvolu subteni niajn klopodojn, tre baldaŭ ebligi al vi la uzadon de la librojn en Int. Esp.-Muzeo. Venu post la festotagoj inter la 3—6h (lunde—merkrede) en nian oficejon I., Augustinerstr. 7, por priparoli kun ni, kiamaniere ankaŭ vi povos meti ŝtonon al nia konstruaĵo. Antaŭdankon!

Por LKK.: Steiner.

**Innsbruck:** Klubo Esp.: Pro la doktoriĝo kaj adiaŭo de la meritplena vicestro Ilia Welkoff okazis la 7. de nov. granda festkunveno, kiu fariĝis ankaŭ propaganda vespero. La 20. de nov. komenciĝis kurso por komencantoj, gvid. Rol. Kühbacher.

**Linz:** En **Kath. Gesellenverein** E.-kurso (18 p.), gvid. pastro P. Linz.

**Wien:** En **princepiskopa internulejo,** 9., Bolzmanng., priora moŝto p. Wolfgang Nedwid gvidas E.-kurson por komencantoj ĉiun mardon ($^1/_2$5—6 h). La kurso komenciĝis la 3. dec.

Gratulon al nia fervora s-ano **Karl Dürschmid** kaj edzino en Graz okaze de la naskiĝo de filineto Annemarie (14. sept.).

### Por la deficito de XVI.
**Donacoj:**

| | |
|---|---|
| Fakinstr. E. Dittrich-Wien | Ŝ. 5.— |
| Kolekto en ties Grupo »Verda Angulo«-Wien | Ŝ. 18.14 |
| Instr. Josef. Faderbauer-Obersulz | Ŝ. 2.— |
| Gustav Weber-Wien | Ŝ. 1.— |
| sume | Ŝ. 26.14 |
| jam anoncita en n-ro 11 | Ŝ 10.— |
| entute | Ŝ. 36.14 |

Dankon kun la peto, ke aliaj sekvu! Steiner.

## Rimarkindaj presaĵoj.

**Katolika preĝareto,** Eld. societo »St. Mikaelo Paris«, 32 pĝ. ilustr. Prezo afrank. fr. fr. 2.50. La nova katolika preĝareto enhavas kelkajn tre belajn preĝformojn kiel la St. Meson, maten-, vesperpreĝojn ktp. kaj estas por privata uzado tre rekomendinda. Koncerne komunan uzadon de preĝareto nepre estas postulata: 1. Firme formulita teksto sen ia deflankiĝo, precipe por la ĉefpreĝoj 2. absoluta esprimklareco kaj beleco de la vortaranĝo, 3. preciza enhavtabelo. — Pro manko da spaco detala priskribo ne estas ebla.

Fra-Tino

**Prologo,** jubilea kolekto de originalaj poemoj 1918—1928 de Eŭgeno Miĥalski, 62 paĝoj, Rm. —'70. Eld. SAT. Eldona Fako Kooperativa en Leipzig. (Ne recenzita, ĉar nur venis 1 ekz.)

---

**S-ro M. Kaŭakŝii,** Enami-Maĉi, Tojama-Ken, Japanujo k. ĉ. l. pri literaturo, kinematografo, dramo, interŝ. il. pk.

**Peruo.** S-ro Ildefonso M. Nunez, Casil'a 202, Lima deziras korespondi pri E-organizo.

**Sidney,** Aŭstralio. — N. Howlin, 200 Grafton Str., Woolahra.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) »Pastete«, Sporg. 28, Do (ĵ) 20–23 h.

**Leoben.**

Esp.-Verein für Steiermark: Cafe Weidbacher, Mittwoch (me) 20–22 h.

**Innsbruck.**

Esperanto-Klub, Gasthof »Grüner Baum«, Museumstraße. Do (ĵ) 20–22 h.



**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Schottenhof (Akademikerheim) Mi (me) 18·00–20·00 h.

Esp.-Unuiĝo-Wien, I., Himmelpfortg. 6 (kafejo Frauenhuber), Fr. (v.) 19·30 h.

Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, IV., Schäffergasse 3, Mi (me) de 19 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17–19 h.

E.-Soc. »Danubio«, VII., Neubaug. 25 (kafejo Elsahof), Mo. (l.), 19.30 h.

Viena Akademia Unuiĝo Esp., VII., Neubaugasse 25, Cafe Elsahof, Mo (l) 19–23 h.

Esp.-societo »Fideleco«, Währinger Bürgercafe, XVIII., Staudgasse 1, Di (m) 16–19 h.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg 248. — Presejo: Franz Reifmüller, Wien, I, Johannesgasse 6.